Jaro I (III). N.o 5 (13) Februaro 1924

# Sennacieca Revuo

Oficiala Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda

## LITERATUR-SCIENCA ALDONO

Antaŭe "La Nova Epoko"

### ENHAVO:



Redakcio: 1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskvo I (Rusio)
Administracio: R. Lerchner, Colmstrasse 1, III., Leipzig-Stötteritz (Germ.)

# REDAKCIA ANGULO

Ni devas konstati, ke la fondo de Literatura fako en S.A.T., pri kiu alvokon la kamaradoj jam legis en "Sennacieca Revuo" (dez. 1923), estos granda apogo por nia "Literatur-Scienca Aldono". Jam nun pluraj kamaradoj entuziasme respondis, kaj estas eksterdube, ke tiu nova aranĝo suprenniveligos el interno de S.A.T.-anaro multajn fortojn, kiuj kuŝas ne ekspluatataj. Multaj kamaradoj-izoluloj, ne povantaj aktive partopreni la movadon kune kun aliaj asocianoj, ricevos tiel la eblon inter kvar muroj de sia ĉambro labori por helpi per siaj verkoj al la progresado de la komuna afero.

Tamen tiu laboro "inter kvar muroj" kaŝas en si certajn danĝerojn, kaj la Redakcio, mem ne senkulpa pri tiu peko, kiun ĝi sincere konfesas, ne ŝirmas siajn okulojn antaŭ ĝia minaco. Jam nun estas farita sufiĉe granda "kabineta" laboro super *scienca* sociologia kaj filologia surbazigo de nia sennaciismo, dum kiu estis trovitaj multaj gravaj argumentoj ekz. el marksisma literaturo kaj el aliaj fontoj, samkiel ankaŭ estis faritaj tute novaj esploroj. Fruktojn de tiu laboro ni esperebIe baldaŭ vidos. Sed ĝuante jam tiun *estontan* dolĉecon de fruktoj, havante nur kelkon da semeroj, kuŝantaj sur manplato, kaj akademiece *prognozante* ilian senduban maturiĝon estontan, ni riskus subite konstati, ke ili estas ne jam semitaj.

Feliĉe, nenio nin igas havi tiajn mallumajn pensojn: niaj semoj estis semitaj ĝustatempe, ili jam travegetis, traĝermis kaj donis unuan rikolton. Ni havas nian movadon pli kaj pli larĝe diskreskanta preter multaj malfavoraj kondiĉoj, kvankam nin sufiĉege pravigus eĉ ioma ajn movado. Kaj kontraŭe: la movado estus vere sensenca, se ĝin ne direktus konkreta ideologio, ellaborita paralele al ĝia evoluo kaj *reciproke influita.*

Tial nenio liveru al ni heziton rilate al tiuj taskoj, kiujn ni havas ĉu en la proletariar-movada praktikaplikado de Esperanto, ĉu en la tendenco al la tutmonda kunfratiĝo de la homoj, ĉu ankaŭ en nia kultura kreado de novaj valoraĵoj por la estonta mondo senklaseca kaj sennacieca — kaj speciale en nia fako literatur-scienca.

Granda — la perspektivo, sed malgrandaj — niaj nunaj resursoj. Tamen sufiĉas jam, ke *aktiva* (kvankam juna, eta) *koro* batas en *sana korpo,* ligite kun *sobra cerbo.* En ilia reciproka interrilato kaj harmonio estas garantio de nia plua progresado. Tiel batas la koreto de nia malgranda "Literatur-Scienca Aldono" kaj vibras la sentemaj nervoj etendiĝantaj al la membroj tra la tuta mondo. El diversaj partoj ĝiaj daŭras veni al ni novaj pulsaĵoj.

El la nove venintaj manuskriptoj en la proksimaj kajeroj de la "Aldono" aperos interalie: tiu de k.do *Diesler* ("Dimanĉa prediko") de k.do *Revo* ("Resumo de Marx-a 'Kapitalo' "), de k.do *Mirski* ("La konkurantoj de Esp.o"), de k.do *Haschke* ("Pri la modeleco (?) de l' virino") de k.do *Sall* ("Ĉiutaga okazantaĵo"). Al k.do *Karajvanov* ni povas diri, ke lia unua senditaĵo bone montras liajn kapablojn, do li sendu plurajn verketojn por ke ni povu elekti.

Antaŭ ol fini la nunmonaton Redakcian angulon ni devas rememorigi al la kamaradoj, ke nunjare la mondo estas renkontonta la dekjaran jubileon de la fatale memorinda militego 1914. Okaze de tiu "jubileo" ni intencas dediĉi nian aŭgustan numeron plene al diversflanka literatura pentro de tiu mizerfantomo pasinta tra Eŭropo. Ni jam posedas tiutemajn fragmentojn el sveda, angla kaj franca lingvoj, estas promesita fragmento el belga literaturo. Kamaradoj traserĉu sialingvan literaturon kaj elektu taŭgajn pecojn. Ni zorgu fari nian aŭgustan kajeron kolekto da tutmonda indigno kontraŭ la abomena imperialisma buĉmilito.

*La Redakcio.*



# ALEKSANDRO MACEDONA

Skiza novelo

3) L. SEJFULLINA (Daŭrigo)

IV

Eĉ sablero eta, en ventego ektordita, kune kun la ventego flugas. Kune kun la ventego!

Do li ankaŭ tiel same rezonis:

— Se mi trafis, do mi elturniĝu, por ke oni ne subpremu.

Triope ili el la bieno de Ŝidlovski sukcesis sin forkaŝi, kiam la ceĥoj okupis postenojn en la urbo. Persekuto kontraŭ la homoj el la bolŝevika partio komenciĝis. Kaj jen estis necese sin kaŝi en fremda urbo. Ankaŭ Anjo kun la infanoj en sia parenca urbo suferas . . . Oni ne kaptu juĝe almenaŭ. Kaj Elinjo . . . La koro ofte puŝbatetas en la malgrasa brusto. Malĝojon ĝi batas. Sed li estis homo senbrua. Kutimiĝinta al silentemo. Kvankam la ŝarĝo de pezaj tagoj sur la dorso kreskis ĝibe. Li kurbiĝis iom. Sed ne kriis. Al neniu li plendis. Nur pli ofte moviĝis ruĝetaj palpebroj de la senbrovaj okuloj. Kial krii? Se ĉiufoje kiam doloras, oni kiu — nur vane oni per kriado konsumiĝos.

La plej peza zorgo estas: ĉiam memori, ke li nun estas Johano Suslov. Ĝis maljunaĝo preskaŭa li finportis sian ridindan nomon. Al la nova malfacile estis kutimiĝi. Sed li alkutimiĝis. Sub samtia, kiel li mem, grizeta nomo estas pli facile. Ja ankaŭ antaŭe la nomo estis nur por diferencigo. Dum per la aspekto li ne estis okulfrapanta. Por tiaspeculo estas elpensita la termino: specialaj distingaĵoj ne ekzistas. Tamen por ĉiu homo sur la tero estas loko, kien necesas bezonatan najleton enbati. Tial eĉ vivgrizeco utilas. Parolis la homoj de l' Elinja partio, nun ankaŭ por li malfremdaj:

— Kamarado Suslov, hodiaŭ en la stacidomo renkontu . . . Necesas nerimarkeble pakaĵeton ricevi . . .

— Kamarado Suslov, kiel statas la transdonado en la malliberejon? Ĉu vi ne forgesis? Nenion vi konfuzis?

Samkiel en la ofico iam, nek unu komision li forgesis. Nenion konfuzis. Ĉion li faris diligente. Eĉ specialmaniere, senbrue. Aliujn oni kaptis, sed lin oni ne estis rimarkanta. Eĉ ti-kiujn li akompanis al sekretloĝejoj, al kiuj helpon tutvive memorotan li faris, tuj lian vizaĝon estis forgesantaj. Sed ja en tia, kiel la nuna, svarmado eĉ granduloj oni perdas. Kiel do atenti malgrandaĵon?

Tiel li vivis. Faris la laboron sub gardo de sia senbrueco. Al laborasocio de kuiristoj kaj kelneroj — la plej bona en la urbo

kafejo sur ĉefa strato — prosperis al li aniĝi. Kaj tie oni sindetenis paroli en ĉeesto de iuj aliaj, sed ekrigardetinte lin dum konversacioj oni malpli ĝenis. Okazis gravan informon ekscii, siajn kamaradojn averti.

Sed unu tago tuj ĉion ŝanĝis. Kiam li al la kafejo iris, homon sian li renkontis. Tiu en la naskiĝurbon de Aleksandro Macedona vojaĝis kun komisioj. Leteron de Anjo li transdonis. Peĉjo, la filo, skribis laŭ ŝiaj diktoj. En la letero estis nenio krom: ĉiuj vivas, bonfartas, salutas. Videble, oni ordonis sindetene skribi. Sed buŝe rakontis la alveturinto:

— Al esplordemandoj oni estis invitanta, per serĉrevizioj torturis, sed estis nenio. Finĉesis tamen! El la bieno oni elpelis. En la urbo ŝi loĝas: kiel gardistino ĉe la "zemstva"[1]) administrejo ekoficis. La infanoj turmentas! Tre maljuniĝis ŝi. La pliaĝa filo kiel servoknabo en redaktejo oficas, la alia kiel kuriero ankaŭ en "zemstvo". Estas malbone, sed pro malsato ili ne mortas. La kamaradoj helpas. Nur transdiri ŝi ordonis, ke famo pasis: Elinjon oni kaptis. En malliberejo, en Omsko ŝi estas laŭfame nun.

Ne memoris li, kiel en la kafejon li alvenis. Pensaro en la kapo estis kvazaŭ nodoj. La kapo doloris.

— Elizabenjo . . . Filineto . . .

Hokkaptis la koron rememoro: paliĝintaj folioj kaj la knabina vizaĝo ĝoja. Unuafoje dubo ekpremis:

— Ĉu devus mi mem enmiksiĝi? Nun la familio suferas. Ankaŭ al Elizabenjo eble mi helpus tiam. He-eh!

— Suslov, vi ekdormis? Ĉu vi aŭdas, ja de l' via tableto oni vokas!

Kaj jen tie ĉi, kvazaŭ pro tio, ke oni de la medito malgaja forŝiris lin, ekdeziremis li krii. Eĉ la vizaĝo kurbiĝis dum ekpenso:

— Ĵetu mi teleron sur vin, ĉevalego ruĝahaŭta! Kredeble hejme vi manĝis, manĝegis. Ankoraŭ io bezonata! Tien ĉi vi venis!

Li aliris kaj malafable demandis:

— Nu!

La malaltkreska korpulenta sinjoro ankoraŭ pli rozkoloriĝis . . . Sed li ne ekkoleris, sed pli ekmiris:

— Ĉu oni tiel demandas, frateto mia? "Nu"! Evidente ne antaŭlonge dungita? Oni instruu vin bonkonduti kun la homoj! Alia iu pli komprenema ĉu ekzistas? . . . He, knabon! . . .

— Okupita mi, sinjoro. Jen Suslov je tiu ĉi tableto... Suslov, pli vigle! Ĉu vi aŭdas, la sinjoro ordonas . . .

— Nu bone-e-e! Tutegale. Do jen, frateto mia, la menukarteton. Jes-s . . . "Mazagra-an" kun kolbasetoj? Interese! Unuafoje mi aŭdas. Kio ĉi estas skribita? "Mazagra-an"?

---

[1]) zemstvo — landa municipo, ekzistis en Rusio de post 1864 ĝis la revolucio kaj gvidis lokan ekonomian mastrumon en gubernia (regiona) aŭ ujezda (distrikta) skalo.

— La kuiristo tiel titolis.
— Ha-ha-ha!
Balanciĝis pro rido la ronda ventro. Bonhumore estis mallarĝiĝantaj la agrablaj kaŝtankoloraj okuloj. Sed por Suslov estus pli facile, se tiu ĉi glatulo insultegus. Per la rido, per sia aspekto bonstata li incitis. Ne, ne estis tolereble.

— Ĉu mi donu "mazagran"?

— Alportu vian "mazagra-an" kun kolbasetoj. Tre interese!

Li kolektis manĝilaron en la bufedejo, mallonge, akre tusetadis. Unuafoje kolerego sufokis lin. Tiu ĉi dorlotita sinjoro . . . Aspekto tia, kvazaŭ la vivo al li ĝis fino nur solan bonstaton promesis. Atendu! Ankoraŭ estos por vi "mazagra-an"! La vangoj glatitaj de frizisto, la vestaro el ŝtofo eksterlanda kaj kvazaŭ ĵus el-sub gladilo. Sed certe el vagono neantaŭlonge. For de la bolŝevikoj li estis fluganta. Tutevidente — el la ĉefurbo.

Subite ree la koro premata:

— Filineto . . . Elizabenjo . . .

Li tusetadis, kvazaŭ ĝemon subigis. Palpebrumis li la okulojn. Kutimmaniere moviĝis. Sed premiloj sur la koro ne disiĝis.

Estis pleniĝanta la interno de la kafejo. Ĉe la vesthokejo du homoj, kvazaŭ strecˆtorditaj, estis turniĝantaj dekstren-maldekstren. Ili akceptadis la vestojn. Kvazaŭ panike, ridinde kaj strange svingis telertukojn la kelneroj. La homoj ĉe tabloj kaj tabletoj postulis manĝaĵon, maĉis, vokis la lakeojn, ridis, konversis. Kaj miksita bruo de iliaj voĉoj estis en la ĉambro, kvazaŭ obtuza murmurado de trankviligita per sateco multventra bestego. El la okuloj foriĝis malkvieto de la penso. Per malhela tavoleto kovriĝis ilia brilo. Nebuligis la kapon datura miksaĵo da aromoj kaj malbonodoro. Odoris viando, dolĉaj spicaĵoj de la manĝaĵoj, delikataj kaj fortaj parfumoj, iombrulinta oleo, tabako, pudro, homkorpo varmigita de l' manĝado kaj nefreŝa vesto. Pro sateco kaj tiklantaj sonoj de gajeta historio pri regimento de husaroj lipharuloj, kiun estis rakontanta la orkestro, — la vivo ŝajnis trankvilige-amuza. Sen fiaskoj kaj zorgoj.

Sed la tavolo de la laca daturiĝo ĉiam estis ŝiriĝanta. Ĉar per kaŭstika flueto eniĝis al la miksaĵo de la bonkvalitaj odoroj maltrankvila odoro de akre sentataj kuracaĵoj. Pro la bandaĝoj videblaj kaj ne videblaj al la okulo. Ĉar timige grimacis kaj skuis la kolon kontuzita oficiro apud tableto ĉe la fenestro. La alia ofte ordigis nigran bandaĝon sur la vizaĝo, fermantan la elfluintan okulon. Li estis kun ne jam velkinta juneclanugaĵo sur la vangoj. Ĉar la freŝfarbaj literoj de ĵurnaloj sur la tabloj prezentis al la okulo la vortojn: atako, retiriĝo, nia fronto, ilia fronto, bolŝevikoj, menŝevikoj, socialistoj, kapitalismo, revolucio.

Sed eĉ la ŝajna ekstera trankvileco de la sidantoj ĉe la tabloj estis netolerebla hodiaŭ. Ja kvazaŭ najlo jen tie ĉi en la brusto estas:

— Oni kondamnos ŝin . . . Ĉu ŝi dolĉaĵon en la vivo gustumis? . . . Ne . . .

Kaj hele en la cerbo, samkiel en la okuloj, la sulketo maljuneca sur la junaj lipoj de la filino . . .

— Filineto . . .

Ektremis la manoj. K-rrak . . .

—Pri kio nur tiu ĉi homo pensas? Jen do, li frakasis plenan pladon. Kaj tie la sinjoro, al kiu li servas, plendas. Kial, li diras, tiaspeculoj estas tenataj . . . Tro longe atendi li devas, li diras. Insultas li!

Kraĉas la bufedisto. Piedfrapas. Sed Suslov ne vidas lin. Tamen la memorigo pri la sinjoro ekvipis.

— Ha, tiu ĉi "mazagra-an" . . . La venton li tie balancas . . .

Kolerego, kian li sentis neniam dum la tuta ĉeno da travivitaj jaroj, en la kapon ekbatis. Li turniĝis, puŝis iun ne vidinte — kaj direktis sin al la manĝejo el la bufedejo. Sed per sia forta mano ekkaptis lian kolumon Timoteo Vasiljeviĉ kaj forĵetis lin de la pordo reen.

Ha, ankoraŭ tiu ĉi, diablo glata! Ornamo de la kafejo. Kun du georgoj[1]) sur la brusto. Invalido honora kun invalideco de la okuloj kaŝita . . .

— Kion vi jen, kamparanaĵo[1]) mallerta? Al mi la kalon vi piedpremas? Tian fuvaĵon[2]) ne nur por servi al la sinjoroj, eĉ en kuirejon allasi oni ne devas!

Al Kolĉak en vagono ĝis Omsko li servis, ĉu sekve moŝto li estas? Fiksiĝis li per bova rigardo, spirblovas. Kvazaŭ sanktan ikonon en la kafejo oni lin montras. De mem Kolĉak paperaĵon li posedas.

Ekŝiris Suslov la kolumon el la fortikaj fingroj, liberiĝis. Sed posten ne turnis sin. Kaj alsalte sur Timoteon Vasiljeviĉ.

— Sed ĉu viaj kaloj estas en preĝejo sanktigitaj? Al Kolĉak postaĵon per tuko vi viŝis, do super ĉiuj homoj estro vi estas? Tiel do estas vi moŝto? Ha? Kraĉi mi volas sur vin ankaŭ eĉ kun Kolĉak via! . . .

Timoteon Vasiljeviĉ pro mirego eĉ kvazaŭ io malantaŭen ĵetis. Li movis paŝon kaj rekonsciiĝis. Ekkriegis:

— Ha, vi la superan reganton makulas? Invitu tien ĉi la deĵorantan oficiron! Invitu! La kanajlo atencas la personon! Mi pe-etas inviti la deĵorantan oficiron!

Senmaskiĝo plena. Nu, nun jam ĉio estas indiferenta! Macedona eksvingis kaj kun granda, subite aperinta ĝojo batis pezplenan ekfrapon super dekstra parto de flavruĝaj lipharoj:

— De l' kanajlo kaj al la persono! Ricevu!

---

[1]) Kruco de S. Georgo — kvargrada cara ordeno por la milita kuraĝo.

[2]) Intence uzita de la tradukinto anst. "ulo" por substreki la malŝatan rilaton kvazaŭ ne al homo, sed al objekto.

De la tableto, por deĵoranta oficiro ĉiam en la kafejo preparata, al la bufedejo dandema militoficisto rapidis:

— Kio okazis?

— Via moŝto! Jen mi estas de du georgoj kavaliro, kaj li en mia ĉeesto per maldeca akordigo la superan reganton . . .

— Are-e-sti!

Sur la strato Macedona iris facile, kiel neniam antaŭe. Kvazaŭ puso estis preminta la koron, kaj nun li ĝin forsputis. Libere spiris la brusto. Li konsideris:

— Neniujn paperaĵojn oni al mi donis. Kaj kio estas en la kapo — ili ne ekscios. Ili ne elfosos!

Sed en la karcero ekturmentis sopiro.

— Pro kio mi trafis? Kiun oni morgaŭ sendos al la stacidomo? Kaj hejme, tie ja ... Estante libera pli rapide mi helpus. Ankaŭ ili kaptu min almenaŭ esence! . . . Sed nur pro Timoteo — telerlekanto. Eh, malspritulo min la patrino naskis!



M. Solomonov. Malliberejo.

Li miris, kiel la kolero estis veninta. Kiom da ofendoj li toleris antaŭe, kaj nun — jen!

Poste venis en la kapon la penso:

— Se al Elizabenjo mi rakontus, kiel mi eksvingis kaj sur lian vizaĝaĉon!... Ŝi ridus.

Kaj ĉar ree li klare imagis, kvazaŭ li ekvidis la Elinjan rideton maloftan — li gajiĝis. Ekŝajnas subite: ĉio estos bona. Ili revidiĝos. Ne povas esti, ke li ne ekvidos ankoraŭ la filinon. Li ekdormis kun plifaciliĝinta koro.

Sed ĝis la lasta tago de restado en la karcero nokte premis lin peza sopiro.

— Kial mi ne retenis min? La amikoj forturnos sin! Kvazaŭ bubo stulta iu . . .

Li ree saviĝis, ĉar estis senbrua kaj griza pro sia vizaĝo. La aliajn oni turmentis per esploradoj. Kun si oni forveturigis ilin, sed pri li neniu eĉ ekmemoris. Revenis la homoj de la bolŝevika partio. El la karcero lin liberigis.

Jen por la edzino eĉ lia vizaĝo estas el ĉiuj la plej distingiĝanta. Ŝi sin alpremis al la ŝultro, kvazaŭ en junaĝo. Ŝi kisis, karesis, plendis:

— Plimaljuniĝis vi, Aleksaĉjo! Tiuj ĉi jen sulketoj mankis. Kaj la kapeto grizema fariĝis! Nu, ja vi revenis, kaj la grizaĵo kaj la sulkoj tutegale sian tempon ne preterlasos. Ja estas tempo, ke ili venu.

Li karesis ŝian klinitan kapon, ridetis, kaj sur la okuloj larmo tiklis. Ŝi la edzon kompatas. Sed ŝi mem . . . Ankaŭ estingiĝis la vizaĝo en la maljunaĝa laca grizeco. En la haroj ankaŭ per buloj vidiĝas la grizaĵo. En la okuloj — timemo kaj sopiro. Kaj pri Elinjo li ne demandis, kvankam grimpis sur la langon neforigeble la vortoj. Ja tre kompatinda estas la maljunulino. Kial ŝin turmenti? Sed aliajn temojn li ne estis trovanta. Multaj ili estas, sed nun ne pri tio oni devas paroli. Por nur ne silenti li demandis:

— Al la bieno do kiam vi retransloĝiĝis?

— Nur antaŭ kvin tagoj. La laboristoj veturigis. Hej do, diras ili, al la malnova loĝejo por la edzon atendi . . .

Sed Peĉjo la vundon dolorantan ektuŝis. Pendis li iom sur la kolo de la patro, turniĝis iom ĉirkaŭe kaj kun nerezonanta kruela juna vereco li diris:

— Paĉjo, ja pri Elinjo oni parolas: en malliberejo oni ŝin finturmentis.

Plende ekploris la patrino, senfortiĝinte tuta, kvazaŭ subite kadukiĝinte. Plej multe da zorgo estis pri Elinjo. Tial pli profunde ol ĉiuj infanoj ŝi eniĝis la koron de l' ambaŭ. Blankiĝis Macedona, sed kun lasta sava espero li alkroĉiĝis al al penso:

— Eble ili ne eksciis ankoraŭ? Eraris. Ĵus ili venis, ne ĉion ordigis.

Buŝe li diris:

— Morgaŭ al la urbo por sciiĝi mi ekiros.

Tutan nokton li premspiradis, kuŝis maltrankvile. Li estis konvinkanta sin: kvin infanoj estas vivaj kaj sanaj. Ja, estas ĝojige? Sed la koro ne obeis. Ĝi obtuze doloris pri la pliaĝa, maltrankvila infanino. (Daŭrigota)

El la rusa kun permeso de l'aŭtorino trad. *Nikodem.*

# *Kreanta vivo*

*Versoj al la revolucia junularo*

*N. Barthelmess*

## *I. ĈELO — HOMO — KREANTO*

*Malgranda semo nur. Sed kia gigantega forto*
*Enloĝas ĝin, ke tiel ĝi vojiris!*
*Ke ĝi, mokante malnovulojn, terenradikiĝis,*
*Malforttremantan trunkon trapuŝante*
*Internen boris, ĝis elformiĝante pro l' agado*
*Ĝi plentriumfis en penetrefiko.*

*Ne kaŭzojn, sencon oni elesploris profesore:*
*Al granda leĝo universa obeante,*
*– Ne rifuĝej' ekzistis, ne hezit', dubema halto, –*
*Ĝi vojon ununuran sekvis la al ĝi signitan,*
*La vojon solireblan, prafiksitan per premado,*
*Vekinta ekefike emojn kaj instinktojn,*
*Jen flame malligantajn sin, jen interlige kunajn . . .*
*La vojon, kiu ĝin nedeflankige rektirigis,*
*En vazon ingis, ĝin parenca forme, mense.*
*Ho kiel flue ĉio kunŝoviĝas!*
*Jen unu al alia asimilas, montras emon,*
*Da propra sento al alia doni,*
*Konvinki ĝin pri sia fort', pri sia volo,*
*Pri ĉio, kio viglas en ĝi, kreas, agas!*
*Duobliĝinte nun ĝi rekomencas kuron la sovaĝan,*
*Celvando ĝia tremos pro plezurabund',*
*Ĝi kiom kreas ajn, efikas – bruston ŝvelas sentoj,*
*Viviĝas, levas, pelas ĝin denove.*
*Ĝojsento kiel danko por ti-kion*
*En atakego estis ĝi kreinta*
*Feliĉon al ĝi donas kun novarda fort'.*
*Vi kial kredas, ke ĝin fin' minacas sur alsupra voj'?*
*Ne sentas jam la blovon ĝi de l' morto,*
*Kiu ĝin tenas, ĉar admone en ĝi vokas voĉo kosma:*
*Sufiĉis vi, malstreĉu, lasu, dispolviĝu!*
*Ĉar ĝuste ĉi-momente ĝi ekkonas, vigla pli ol iam,*
*Ne sentetante, dum ĝuego, de l' malforto ĝermon kreskan, –*
*Ke ĝi por plej mirinda konstruaĵo donis vivanonce*
*Plej belan la unuan novepokan sonon.*
*Feliĉe tiel ĝi disfalas en atomojn.*
*Dronante en eter' ĝi sentas fratan spiron, ŝirmajn arojn,*
*Kaj mil spiritaj voĉoj amkarese flustras:*
*Vi novan formon, novan sencon, novan celon al ni donis.*
*Eterne vivu do en sfer' pli alta inter ni, estintoj — estontuloj!*

## *II. ĈELO — ĈELARO*

*Sed guto estas nur, eret' fragmenta, en riverego larĝeflua*
*Ĉel' unu, se de l' korpo deŝirita ĝi, senviva kaj senpova,*
*Balancas tra la spac' tra l' brutorenta vivo.*
*Ne tiu unu, se ĝin portas eĉ genia vento,*
*Plenumas, kion sorto, forto de l' kreant' postulas.*
*Ĉar izolita ĝia fort' nenio estas.*
*Nur arigita la amaso estas vivo,*
*Nur arigita la amaso estas daŭro,*
*Nur la ĉelaro garantias eran volon, eran povon.*
*Fortiĝu ĝi, por ke fortuloj trovu grundon,*
*Sur kiu plu konstrui alten la palacon.*
*Solulo vi, ho venu, venu, helpu!*
*Al tutĉelaro doni vivon, vian forthavaĵon.*
*Kun ĝi, ne kontraŭ ĝi, devizo estu via:*
*Dum vi sur voj' libera paŝas en la sunan tagon,*
*Dum viaj pensoj vagas malproksimen en nebulan fundon,*
*Miksiĝas kun arbar', herbej', eter' kaj nuboj plumaj.*
*La homo apud vi, amiko, kamarado,*
*Jen kiu vin direktas vivdestine,*
*Signale.*
*Kaj la vizaĝoj multaj ĉirkaŭ vi ariĝas, logas, vokas,*
*En ĉiu vi de l' hom' penadon noblan ĝojrimarkas . . .*

*Kaj ĉiuj estas unu, vi ilia frato, membro viva, kunsentanta —*
*Jen la amaso vivas per ideoj,*
*Per viaj, niaj ame karesataj, varme porpledataj, kore vivigataj, —*
*Pulsantaj por ideoj organismoj*
*Fariĝas unu granda komuneco, unu vivo*
*Ĉelkuniganta, forta kaj potenca.*

# ETUDOJ

## FR. TUGLAS

### 1. SUR LA VOJO AL GOLGOTO.

Mi vidas vin vivi sklave en laboro senfina. Mi aŭdas vin ĝemi senhelpe en la nokto aŭtuna. Mi vidas leviĝi sunon vian, fortiĝi venton ĉielan. Mi vidas vin vekiĝi, mi vidas vian glavon malleviĝi.

Mi vidas vin en malliberejon por la tutvivdaŭro kondukata. Mi aŭdas kraketon de katenoj kaj ŝlosadon de la pordoj. Mi vidas vin iri al Golgoto kaj krucojn portanta. En la vesperruĝo krucarbaron mi vidas alte staranta.

Mi konscias turmenton vian kaj la doloron. En ĉielo mi vidas reflekti vian sangkoloron. Al mia koro mi sentas fali sangogutojn viajn. En mia brusto mi aŭdas reeĥi la ĝemsonojn kriajn.

---

Kiel ĉielon ruĝardigas reflekto de brulado, tiel mian koron dolorigas la sangfluado. Kiel en vivprintempo ĝojkanto de juneco leviĝas, tiel en mia brusto la dolorkanto aŭtunuragane vekiĝas.

Neniujn aliajn florojn sur via tombo mi povas planti, kaj ne alian verson sur la tombŝtono pentri: Mi kantas al vi dolorkanton, pro kolero vibranta, la memorfloro sangruĝa sur via tombo estos floranta.

Kiel sonĝe mi aŭdas mian kanton fulmotondre sonori, la tintadon de militglavoj kaj albatal-vokon la landon trabori. Mi vidas la tombflorojn fiere ruĝiĝantaj, kiel centmil sunoj en ĉielo brilantaj.

### 2. *LULILKANTO.*

Dormu, dormu, infaneto, dormu! Vin balancas patrino via kun la kanto: Oni starigis post la korto pendigilon, ĉe ĝi mi faris la lulilon.

Dormu vi, infaneto, en la sino paca! Kantante vin balancas la patrino laca: Al la pendingo patro via estas pendigita, al la sama ŝnuro lulilo via nun estas ligita.

Kia do estu zorgo via! Nur amvortojn vi aŭdas el buŝo mia. Post kiam vi forlasos la lulilon, vi el la ligno de l' pendingo faros batal-armilon.

Dormu, dormu! En nokto ankoraŭ ardas la bieno brulinta. La patron kovras jam tero malvarmiĝinta. Fariĝinte pliaĝa vi eksentos la doloron, en la animo flamantan koleron.

Fariĝinte pli aĝa vi eksentos la doloron, senliman sklavturmenton, kaj torturon. Do neniam indulgon petu: vane vian valoron sub piedojn ne ĵetu!

Post la vivplugilo firme paŝu, al vi vojon mem fosu! Dormu, dormu, infaneto, dormu! En la mallumeco vi al lumo vojon malfermu!

Esperantigis *Otto Sall, Narva.*



*J. Pavlov.* *Sur rivero.* Gravuraĵo.

# POETO DE L'KOSMA MELANKOLIO

(Skizo pri Cz. Kozlowski)

E. MIĤALSKI

"... Mi per revo la teron forlasis kaj flugis supren."

Mi ne konas la vivon de tiu ĉi poeto, sola, pri kiu preskaŭ nenion al ni esp. gazetaro diris. Klara estas la kialo de tiu ignoro: meze de „Kavaliroj de l' Verda Stelo" li ne estis, ĉar lia liro ne fanfaris oficialecajn melodiojn. Tial superfluis paroli pri li.

Mi ne konas lian vivon, sed malgranda libreto "Petaloj"[1]) estas lia vera "cigna kanto"; kaj en tiu kanto "diris ĉion cign' en lasta vort'" "pri tuta viv' ...."

Estante infano, li jam malsanas pro fatalaj demandoj, ĉiuflanke lin insidantaj: jen velkis la rozo en la ĝardeno, jen sur korto kuŝas mortinte najtingalo kantema, jen terura inkubsonĝo lin vizitas kaj vokas lin, logas al si plumbokule.

Kial? — baraktas la menso de l' infano.

Kaj krevis kvieta humorstato kaj li sin ĵetas al soleco por sin savi de l' ĉirkaŭa banalo, sterniĝinta ĉie seninterrompe, kiel neĝo, kiu ĉion platigas kaj en kies monotono glatiĝas-malaperas ĉia originalaĵo, ĉia individueco.

En la soleco penas li trovi kontentiĝon:

"La soleco ja naskas fierecan senton,  
Tian strangan fieron eĉ la glor' ne donas.  
Tiun akran, kaŝitan, fieran kontenton  
Mi iom konas."

Kaj en la soleco lin vizitas la unua dubo, kiu „venis, renversis la spiritan ordon, pelis trankvilon, pelis kvietecon ..."; sed ne purig-rekreiva dub' estas tio. Ne, dezertiga. "Malplenaĵ' sen limo min ĉirkaŭvolvis ..." „Tutan vivĝojon suĉis" ĝi.

Kaj de tiam pli forte li volas foriri tute el vivo kun ĝiaj adoroj kaj ĝojoj, foriri al astroj en eteron kaj tie en paco "kun rideto de sereno kaj mistero vidi kiel vagas luno, kuras tero. Ne plu pensi pri etaĵoj, bagateloj, vidi nur l' eternan kuron de la steloj."

Li ne ĝuas kaj eĉ ne volas ĝui terpejzaĝojn en ilia tuta dinamiko varia — kaj se lia menso reflektas teran vivon — do nur en senmova paca stato.

Antaŭ brilbrilado de l' astro kaj ĝia tremanta lumad' parolanta pri mistero de l' kosmo al li ŝajnas esti sensignifa la vivo ("Penso").

Kvankam li ne timas ĉiujn persekutojn de l' sorto kaj "ne sukcesas lin igi sufero kun petego sopiri al morto", tamen li opinias, ke nur la morto povas solvi misteron de l' loganta lin kosmo kaj tial "nur por *scii,* por fine *ekscii,* mi kun peto rigardas al Morto ..."

Li estas malvarmesanga spektanto — nur pacon kaj ripozon li deziras por ne esti interrompita en sia kontenplado "se min ne povus ataki malĝojo, nek ĝojo ... ", ĉar kion signifas:

"... tuta ĝojo de la homa gento,  
Kaj tuta ploro, kaj ĉiu rideto,  
Tuta sufero kaj ĉiu turmento,  
Arda pasio kaj sanga kor-peto,  
Kaj ĉiuj ĝemoj, kaj ĉiuj malbenoj,  
Falo Hadesa, triumfoj Edenaj ...."

en "monda svarmeg' en Etero".

---

1) Czeslaw Kozlowski. Petaloj. Kiew 1912.

Eĉ poezi-instinkte interpretitajn belajn bildojn de l' tera pejzaĝo kaj simfonio de l'printempo ("Leo kaj Salomea") li ne esperas vidi kaj ĝui: blindigite de l' vintra neĝo sufokanta lian animon.

Kaj li ne volas tion. Lia menso komuniiĝis al alio, al "grandiozo" mistika, kiu fariĝis lia sola revo kaj vero.

Indiferente-malŝate li rifuzas la amon de Solomea, kiu en amekstazo donas sin tutan al li por anstataŭi de li pas-aluditajn belajojn de l' naturo:

"Ho, vi ne ploru kaj vi ne sopiru,
Vi ne pripensu de l' neĝo mortecon:
Ĝin plivivigos de mi pasispiro
Kaj plivarmigos de l' kiso ardeco.
Sur mia brusto en tiu ĉi-tempo
Por vi la vintro fariĝos printempo . . ."
"Mia amato! al mi vi alvenu,
Lasu liuton, kaj min ĉirkaŭprenu!"

Sed li ŝin forpuŝas, timante la senbridan pasion, rompuntan[1] lian pac-kontemplan staton kaj celantan "nur veki en sango ribelon" kaj "penson, kiu en eteron flugis" — "revoki sur teron".

Li preferas resti en la soleco kun sia aspir' al la kosmo, kun sia virgeco kaj sia liro, kantanta belon puran, ne voluptan, sed, ho ve, malvivan kaj malvarman belon.

"Vi min ne voku. Animo sopiras
Mia al steloj: vi ilin ne konas.
Mian liuton vi ja ne deziras
Kaj miajn pensojn — do kion mi donos?
Ĉu ĉiujn pensojn elpreni el fundo
Kaj korpon ĵeti al vi? . . ."

Kaj tie meze de siaj revoj flosantaj en la nebulaj' de laktvoj' kaj en "fioroj eterne bolantaj de sunoj" pereis nia poeto, ne povinta sekvi la ĝustan vojon, montritan al li de l' monta torento muĝanta, ĝemanta, ridanta ("Leo kaj Salomea", 19) en sia falado malsupren, de kie jam "vent' varmeta venanta de l' tero portis odoron de kampo, de rozo . . ." — odoron de l' am' kaj printempo.

*La 1an de Novembro 1923.*

# De la filozofio al la organiza scienco

A. BOGDANOV[2])

*Mi ne estas esperantisto; mi konfesas, ke la provoj de l' internacia artefarita lingvo esprimas profundan vivan bezonon de la homaro pri komuna interkomprenilo, sed mi opinias, ke ĝia reala kontentigo en tutmonda skalo estos atingata sur alia vojo, malpli artefarita, kvankam bedaŭrinde ankaŭ pli spontana, pli daŭra kaj malfacila. Sed, kiom la esperantismo estas fakto kaj kiom grupoj de ĝiaj adeptoj en la plej diversaj landoj praktike uzas ĝin, kiel vivan ligilon, mi kun danko akceptas proponon de la organo esperantista doni sur ĝiaj paĝoj mallongan karakterizon de l' afero, al kiu mi tutplene fordonis miajn fortojn. Povas esti, inter la simpatiaj por mi utopiistoj de l' unika disŝiranta naciajn*

---

1) romp-unt-a = kiu rompus.

2) La jena artikolo de l' eminenta sociologo- marksisto kaj talenta tendenc-literaturisto A. Bogdanov estas verkita speciale por nia revuo. Malgraŭ la iom pesimista, kvankam tre favora mencio de k.do Bogdanov pri Esperanto ni kuraĝas aserti, ke apliko de lia rimarkinda teorio plene argumentas por nia lingvo. Tial ankoraŭ pli grave ĝi estas atentinda de ni. Ni esperas krome konigi al la legantaro ankaŭ lian belan utopiromanon "Inĝeniero Menni". Red.

*kadrojn tutmonda lingvo revokiĝos la pli preparita de la historia evoluado ideo de l' unika disŝiranta kadrojn de la specialaj scioj tutmonda scienco.*

---

Karl Marx en siaj 11 tezoj pri Feuerbach antaŭ tri kvaronoj de jarcento skizis programon de revolucia filozofio. Ĝia esenco estas tia:

Necesas trakti la realon, kiel vivan, konkretan praktikon (tezo 1) kaj plie kiel praktikon socian, ĉar en sia agado la homo estas vivaĵo socia (tezoj 6 ,8). La praktiko ĝuste estas objektiva kriterio de la Vero (tezo 2). Kaj la filozofio, laŭ tiu vidpunkto, devas esti ne simpla klarigo, koncepto de la mondo, sed mondŝanĝilo (tezo 11).

---

La materialismo historia estis efektivigo de tiu programo en la sfero de la filozofio sociala. Tiu efektivigo en ĝeneral-filozofia skalo estas por la laborista klaso ankaŭ aktuala tasko. Al tiu tasko mi dediĉis miajn fortojn, super ĝi mi laboras pli ol kvaronon de jarcento.

Konsideri la fenomenaron, kiel socian praktikon, signifas vidi en ĝi kampon de kolektiva laboro, kie interpuŝiĝas la homa aktivado kaj spontana rezistado, kie la homaro luktas kontraŭ la naturo kaj venkas ĝin per la prezo de senĉesa penado, kaj iafoje ankaŭ de pezaj malvenkoj. La aktivado kaj rezistado estas korelativaj, ili konstante alternas siajn lokojn; samkiel en la homa vivo, tiel ankaŭ en la naturo ni aplikas por ili tiun aŭ aliun terminon, depende de la elektita de ni vidpunkto. Sekve, malsama aktivado-rezistado prezentas tiujn *elementojn,* de kiuj estas eligenda nia esploro.

Sed la afero estas pri la mondreformado, pri ŝanĝo de ĝiaj formoj. Kio estas tiuj formoj? Ili estas rezulto de diversa *kombino* de la sama aktivado-rezistado, ili estas ĝiaj "komplektoj" kaj "sistemoj". En senĉesa interago, jen detruante unu la alian, jen ree kombiniĝante, ili alternas kaj evoluas. Tiu alternado, tiu evoluado estas reguligata de *selektoleĝo:* malaperas formoj "malpli adaptitaj", konserviĝas la "pli adaptitaj" al sia medio. Kaj la "pli adaptitaj" signifas: *pli organizitaj,* t. e. kiuj kunigas pli gravan sumon da aktivado-rezistado, en pli harmonia kombino.

Tiel rezultas la universale-ĝeneraliganta vidpunkto — la *ĉionorganizema* vidpunkto. Ĝiaj radikoj kuŝas en la sama socia praktiko, en la kolektiva laboro. Ĉar ĝia tuta senco estas esprimebla tiel: *organizi la homaktivadon por, venkante la elementojn, plu kaj plu organizadi la mondon por la homaro.*

---

Tiu ĉi vidpunkto estis fremda por la burĝa socio kun ĝia individuismo, diseco de ĝia elementaro, ĝia interna anarkieco; sed ĝi estas proksima kaj matura por la proletariaro, la klaso ĉionorganizema laŭ sia karaktero. La laborista klaso organizas la *objektojn* en sia laboro, organizas la *homojn* — sin mem — en sia socia lukto kaj en sia konstruado, organizas la *ideojn* en evoluo de sia klaskonscio. Tial ĝi estas alvokita de la historio sisteme kaj harmonie organizi la vivon de la homaro en ĝia tuteco.

La rezultanta el nia vidpunkto mondaspekto prezentas al ni la universon, kiel seninterrompan ĉenon da formoj transiĝantaj per luktado kaj reciprokinfluado de plej malsupraj ŝtupoj de organiziteco ĝis la pli supraj; tiujn ĉi formojn kaj ilian evoluon ni esploru en ilia rilato al la plej supra el ili — laborkolektivo de la homaro, unue komencanta konscii sin en la personeco de la proletariaro, kiel internacie organizanta klaso.

Tiun mondaspekton mi nomis "empiriomonismo", t. e. "spertunueco". Ĝi estas nenio alia ol skemo de organiza filozofio. En pluraj laboroj mi surbazigis ĝin sur konaĵoj de la natur- kaj soci-sciencoj.

Tie ĉi mi devis starigi mian rilaton al la moderna filozofio de la naturscienco — al la skolo de Mach-Avenarius. Mi prezentis ĝian sisteman kritikon[1]). Mi trovis, ke ĝi korespondas la vivtendencojn, certe, ne de la proletariaro, sed de tiu science-teknika inteligentularo, kiu gvidas la produktaton ĉe industria kapitalismo. Al ĝi, generale, ne estas propra la revoluci-aktiva rilato al la realo, kolektive-labora vidpunkto; sur tiu skolo ankoraŭ kuŝas ombro de pli certe *spektanta* mondkoncepto, kiun Marx opiniis malavantaĝo ankaŭ de la tuta malnova materialismo, ĝis Feuerbach inkluzive. Sed ĝi havas ankaŭ grandajn avantaĝojn: profundan realismon, pozitivismon, rektan kritikon de la radikiĝintaj, rigidiĝintaj komprenoj, detruon de multaj konceptofetiĉoj. Kaj tio estas komprenebla: ja la scienceteknika inteligentularo estas tre proksime ligita kun la produktado, kun ĝia viva sperto, kvankam ĝi ne per siaj manoj luktas kun aktivado-rezistado de la spontana naturo[2]).

Ni scias, ke la filozofio de Mach-Avenarius cetere ne estis senfrukta por la scienca evoluo: multaj sciencistoj laboris sub ĝia standardo; kaj, ekz., tiu profunda ĝeneraligo de l' ideo de relativeco, kiun donis Mach, kondukis tra la vojo al konstruoj kaj eltrovoj de Einstein, kiuj ĉiuokaze prezentas gravan etapon de la fizikevoluo.

---

La filozofia koncepto de "materio" multfoje ŝanĝiĝis en la memoro de la historio. La simpla kaj klara atommaterio de Demokrito tute ne estas tio, kion prezentas la "materio" de Golbach, pri kiu li parolas, ke "ni konas nek ĝian esencon, nek veran naturon, kvankam laŭ ĝia influo sur nin ni povas juĝi pri kelkaj ĝiaj ecoj"[3]). Kaj se la historia materialismo konfesas fundamento de la socia vivo ĝian materian flankon, ĝi opinias tiun produktadon kun ĝiaj tekniko kaj ekonomiko, konsci-aktiva influo de la socio sur la naturon, inkluzive kun grandega rolo de tio, kion Pleĥanov nomas "spirito". Sed kiom malklara kaj historie malstabila en la filozofio estas la koncepto pri "spirito", tio, mi kredas, eĉ ne estas interpretinda.

La scienco siaspece rilatas al la materio, ne abstrakte konstruas ĝian koncepton, sed reale esploras ĝin; kaj sur tiu vojo la koncepto de materio ĝuste en la nuna epoko travivas plej profundan revolucion. La fundamenta karakterizo de la materio — "maso" — restis grandaĵo elektrodinamika, reduktiĝis al energio. Kiom malproksiman koncepton pri materio, ekz., havas Einstein, identiganta ĝin kun "elektro-magneta kampo" de l'ankoraŭ neantaŭlonga pure mekanika ĝinkompreno! Tie-ĉi, en la scienco, la materio prezentas sin ne kiel "objekto en si mem", per kiu finiĝas la vojo de konceptado, sed kiel reala komplekto de aktivado-rezistado, kiel viva sperto, kiel problemo *postulanta* solvon.

Sed la polemiko kun la Pleĥanova skolo estis por mi cetere ne ĉefafero, sed deviga deflankiĝo. Mi penis sisteme apliki la organizan vidpunkton en diversaj sferoj, kaj konstante mi konvinkiĝis, ke ĝi faciligas solvon de multaj problemoj, kaj en kelkaj okazoj sole faras ĝin ebla. Tiel, en ekonomiscienco ĝi liveras apogon por objektiva *pruvo* de la leĝo pri

1) En la artikolo "Filozofio de la moderna naturesplorado" en "Skizoj pri filozofio de kolektivismo", eld. "Scio", 1909, — pli konkrete en ĉap. IV de "Filozofio de viva sperto".

2) Unu mia artikolo pri pozitiva signifo de la skolo de Mach estis en germana traduko presita sub titolo "Mach und die Revolution" en "Neue Zeit", 1908, I, N 20.

3) Favore citita de Pleĥanov en komentarioj por la traduko de "L. Feuerbach" de Engels, pĝ. 100.

labora kosto en kapitalisma interŝanĝado: tiu leĝo montriĝas kondiĉo de viva ekvilibro de l' interŝanĝoprincipa socio. La principo de ĉenligo de l' industribranĉaro permesas surbazigi kaj evoluigi pluen la krizteorion de Marx, ktp.[1]).

Pro la sama vidpunkto ebliĝis preciza klarigo de l' objektiva vivrolo de l' ideologio en la socisistemo. Ĉiuj ideologiaj formoj — parolo, komprenpensado, normoj de moro, juro, moralo, arto — estas *organiziloj* de socia vivo de l' homoj, de ilia kolektiva laboro kaj lukto. Ĝuste tial la ideologioj estas *difinataj* per produktad-interrilatoj, t. e. per tekniko kaj ekonomiko: ellaboriĝante por *organizi* tiujn rilatojn, ili estas adaptendaj al ili. Sur vojo de tia esplorado rezultas nova komprenigo de multaj problemoj de l'ideologia evoluado, ebleco eĉ science antaŭvidi ĝian direkton[2]). (Finota). El manuskripto trad. *N. Nekrasov*.

---

# Senfadena translacio de energio

E. D. AJZBERG

Ne unufoje oni parolis pri la elĉerpiĝo de nia tera karbonprovizo kaj pri la minacanta energimalsato. Aperis kaj aperas multe da diversaj pli aŭ malpli saĝaj kaj fantaziaj projektoj dediĉitaj al serĉado de novaj fontoj de la energio aŭ al pli ekonomia ekspluatado de la malnovaj.

Ĉiu teknikisto scias, ke pli racie kaj ekonomie estas produkti la energion en unu centra loko, ĝin poste distribuante inter diversaj energikonsumantoj, ol ke ĉiu energibezonanto havu propran fonton da ĝi. Sur tiu fakto estas ja bazitaj la centra vaporhejtado, la centra elektra lumigado, la transmisia sistemo en fabrikoj ktp.

Sed la mezurilo de l'nuntempo estas jam tro granda por similaj lokaj centrigadoj de l'energiproduktado. Tre simpla ekonomia kaj teknika kalkulo montras, ke ni profitus senkompare pli multe, se sur la tuta terglobo estus nur kelkaj fontoj de l'energio, de kiuj la lasta estus ĉerpata. Sed ĉu tio estas ebla? Ĉu ni havas tiom grandajn fortojn? Ĉu estas, aŭ almenaŭ iam estos eble transportadi la energion tra tiom grandaj distancoj? Doni respondon je tiuj demandoj mi ĝuste celas en mia artikolo.

I.

Feliĉe ni havas la bezonatajn energiprovizojn. Unuavice ni ekmemoru pri la fama Niagara akvofalo, de kies grandega energio estas nun utiligata nur tre malgranda parto. Ĝia energio egalas 12 500 000 ĉevalfortojn, tio estas, ĝi ekvivalentas la forton de duono da ĉiuj vapormaŝinoj en mondo. La naturaj akvaj fortoj de Svisujo egalas 4 500 000 HP (ĉevalfortojn), la fontoj de bruligebla gaso en Baku (Kaŭkazo) povus ankaŭ doni grandegan energiprovizon, kiel ankaŭ multaj Eŭropaj kaj ekstereŭropaj akvofaloj. Kial do oni ĉion ĉi ne uzas? Apud la Niagara akvofalo, ekzemple, grupiĝas multaj, plejparte kemiaj, fabrikoj (*"Carborundum C°"*, *Pitsburg Reduction C°"*, *"Union Carbid C°"*, *"Mathieson Alkali C°"* k. a.). Sed Niagaro povus

---

1) "Kurso de la politika ekonomio" de Bogdanov kaj Stepanov, vol. II, libro 4, 1919, eld. de Rus. Komun. Partio. La plej populara en Rusio marksisma studlibro.

2) "La scienco pri la socia konscio", eld. 2-a, 1919.

per sia energio nutri senkompare pli multe da fabrikoj kaj, se estus praktike solvita la problemo pri transportado de l' energio tra grandaj distancoj, ĝi malfermus en evoluo de tekniko tute novan epokon, kiu havus nemezureble grandan efikon je industriaj kaj naciekonomiaj rilatoj de la XX jarcento.

"Sed tiu problemo ja estas jam solvita!" — diros al ni la leganto, — "ĉu la perfadena transdonado de elektro ne estas la plej simpla kaj bona solvo?" Nek simpla, nek bona!

Kiel estas konate, por transdonado je grandaj distancoj oni uzas elektron de alta tensio por ne perdi multe da energio pro rezisto en fadenoj. Sed fluoj de alta tensio bezonas specialan izolaĵon, kaj estante eĉ tiel izolitaj ili perdas tre multe da elektro, kiu "elfluas" aeron, kiel oni diras. En Ameriko, ekz., la fadenoj, transportantaj 100 000 voltan fluon, estas ĉiam, eĉ dum plej seka vetero, ĉirkaŭitaj per blua lumeto, tre bela... sed multekosta, ĉar ĝin formanta energio perdiĝas. Ankaŭ ne tro malkare estus kunigi ĉiujn punktojn de la terglobo per reto de metalfadenoj, por kiuj finfine eble eĉ ne sufiĉus da kupro. Tial la sola ĝusta solvo de l'problemo estas *senfadena* transdonado de l'energio.

En tiu direkto estis lastatempe faritaj multaj eksperimentoj kaj eltrovoj, sed ĉio ĉi preskaŭ ne proksimigas nin al solvo de l'problemo, ĉar plejparte oni laboras en regiono de *telemekaniko* (tiel estas nomataj la metodoj de direktado senfadena).

Oni povas direkti, ekz., flugmaŝinon sen homoj sur ĝi, estante mem sur tero, aŭ de marbordo direkti la movadon de l' tuta eskadro de militŝipoj. Principe tio ne estas io malfacila. Per simplaj elektro-magnetaj ondoj, uzataj en senfadena telegrafado, oni kontaktigas senteblajn *relajsojn*[1]*)*, kiuj lasas nun lokajn fontojn de l' energio plenumi bezonatan laboron. Tiuj relajsoj havas funkcion de ĉano en pafilo. La lasta ne devas per sia puŝo elĵeti la kuglon, sed nur ekflamigi la polvon, kies energio jam faras la laboron. Sed tio ne estas respondo al problemo. La energio ja estas ne transportata, sed nur regata distance. Kompreneble, elektromagnetaj ondoj faras ioman laboron (kontaktigante relajson, movante membranon de telefono ktp.), sed tiu laboro estas tro eta. "Koeficiento de utila efiko estas tro malgranda", — dirus teknikisto en tiu okazo. Ĝenerale la teorio montras, ke transportado de grandaj kvantoj da energio pere de elektromagnetaj ondoj estas neebla. Do oni devas serĉi alian vojon.

II

Antaŭnelonge la fama kroata scienculo elektroteknikisto *Nikolao Tesla* diris publike: "Mi vibrigos la terglobon!" Frazo sendube tre belsona, sed iom mistera. Alia saĝa kapo, tiu de profesoro *Lvoviĉ,* fama specialisto en radiotelegrafio, pli proksime aliris al solvo de l'demando kaj vere nun povas kun fiero kaj eble pli granda rajto ripeti la frazon de *Nikolao Tesla.* Jen estas la esenco de lia tre simpla, kiel ĉio genia, ideo.

Estas konate, ke la tero estas kvankam ne ideala, sed sufiĉe bona elektra konduktoro. Ĝi havas ankaŭ kapaciton ne tro grandan. Sekve

---

[1]) Relajso — aparato kiu funkcias per malfortaj elektraj fluoj ricevitaj kaj resendas similajn fluojn devenantajn de elektra fonto pli forta. (Laŭ Ch. Verax).

ĝin ŝarĝi per elektro estus eble, se nur oni havus sufiĉe fortan elektran fonton por tio. Laŭ projekto de profesoro *Lvoviĉ* en kelkaj lokoj de la terglobo, laŭeble simetrie disponitaj, laboros elektraj stacioj de grandega forto. Ili ŝarĝos la teron per elektra fluo de tre alta tensio kaj alta ofteco (10 000 periodoj dum sek.), kiel oni ŝarĝas eksperimente la konduktoron de elektrofora maŝino. Ĉiu bezonanta la energion, ĝin prenas simple el la tero, transformante ĝin per laŭbezonaj transformiloj. La ŝanĝon de l'potencialo de la tero ni eĉ ne rimarkos, kiel tion ne rimarkas homo staranta sur izolanta benketo kaj ŝarĝata per elektro en, al ĉiuj konataj, lernejaj eksperimentoj. Sufiĉas nur ĉiujn metalajn objektojn dum la komenco de ŝarĝado de la terglobo bone kontaktigi kun la tero, por ke ili alprenu la novan potencialon. La ofteco de la fluo aŭ tute ne efikos la homan organismon (kiel la fluo de *Tesla*) aŭ efikos sanige (kiel la fluoj de *d'Arsonvale*).

Ĉu ni havas ĉi tie tute senfadenan transdonadon de l'energio? Jes kaj ne! Jes, ĉar fadenoj ja ĉi tie ne estas uzataj, do sekve ĉiuj suprecititaj malbonaj ecoj de fadenuzado estas forigitaj. Ne, — ĉar la tero ja estas uzata kiel konduktoro anstataŭigante fadenon.

Mi ne parolas ĉi tie pri multaj interesaj detaloj, mi eĉ ne citas la mirindajn kaj simplajn kalkulojn, kiuj evidentigas la proponon de profesoro Lvoviĉ ne nur teorie ebla, sed eĉ praktike nun efektivigebla kaj treege profita ekonomie.

Oni devas diri ke profesoro Lvoviĉ unuafoje parolante publike pri sia projekto (en Odeso, la 21.. X. 1922, en ejo de Science-Teknika Klubo), ĝin rigardis ĝuste ne kiel projekton, sed kiel sciencan eblecon. En tio oni vidu nur la modestecon, kiu estas ne malpli granda ol la profunda kono de l'afero.

---

Ni flugu sur flugiloj de l'Fantazio, tiu feino, kiu plibeligas nian malfacilan vivon, en estontecon, en tempon, kiam homoj uzos komunan energion, kiel ankaŭ komunan lingvon. Jes! La energio estos komuna, ĉar neniaj bariloj aŭ doganoj estos eblaj. La homaro profitos je tio tiom, ke estos eble plenumi multajn bonajn projektojn, kiuj nun, pro manko da rimedoj ne estas efektivigeblaj. Oni tiam ekpovos la nunajn dezertojn paradizigi, ĉar ankaŭ tien penetros la energio de elektro kaj la energio de l'homo. Kien ajn homo venos, ĉu ankoraŭ nekonatan insulon, ĉu apudpolusan regionon, ĉu ĵus aperintan pro submara vulkano insulon, ĉie, ĉie la energio estos laŭvorte "sub liaj piedoj". La eltrovo faros grandegan socian revolucion, kiun ĝis nun ankoraŭ ne konis la homaro, eble escepte la inventon de vapormaŝino.

Tiel la Scienco solvos multajn sociajn problemojn, kiuj nun ŝajnas tute nesolveblaj.

La projekto estas grandioza, kosma, la ideo estas larĝa, genia, . . . sed ĉu ne tian ĝustan ideon ni nun efektivigas, kaj ĉu ni dubas pri ĝia fina venko?

*Odeso, 22. X. 1922.*



# En la nuna momento

ni uzas la okazon, voki al multaj el niaj gekamaradoj, ke ili jam ne renovigis siajn abonon por "SENNACIECA REVUO" kaj membrecon por SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA.

LITERATUR-SCIENCA ALDONO nun ankaŭ estas abonenda. La gekamaradoj konsideru, ke la administraciaj kostoj, la gazeto kaj jarlibro postulas grandajn elspezojn; kaj por la administracio, laborante en tia duba periodo, ne sciante kiom da abonoj ankoraŭ venos, estas tre malfacile difini kvanton, en kiu estu presotaj nia revuo, jarlibro ktp. Pro cititaj kaŭzoj, ĉiu, kiu jam ne faris, senprokraste sendu sian abonmonon kaj kotizon.

# Por multaj gekamaradoj

ŝajne estas malfacile ĉar la fantomo "senlaboreco" malhelpas ilin. Do ni ankaŭ trovis vojon por tiuj, kiuj momente ne povas pagi. 1. Per kvaronjara abono. 2. Per peto de pagprokrasto ĉe administracio (kompreneble nur en kazo de pleja mizero).

# Venis la tempo

nune kiam la administracio ne plu povas eluzi la malbonan valuton, ĉar ĉio estas pagota per oraj markoj, ni ankaŭ ne plu povas liveri duon-donace niajn presaĵojn kaj ĉiam devas severe obei al la tarifo en plej lasta n.ro de nia "Sennacieca Revuo". Krom tio niaj sinceraj konsciaj gekamaradoj ne forgesu

# daŭre varbadi

novajn batalantojn, por ke niaj vicoj densiĝu pli kaj pli. Ĉiu zorgu por la vendado de niaj libroj eldonitaj de la ELDON-KOOPERATIVO por ŝanĝi nian materian posedaĵon en financan kaj havigi al ni la sumojn necesajn.

ADMINISTRACIO.

# ELDONAĴOJ DE S. A. T.

Aĉeteblaj ĉe Administracio: R. Lerchner, Colmstrasse 1, III. r.
Leipzig-Stötteritz (Germanio) — Poŝtĉeka konto n.o 6835

| | fr. svis. | Mk.g. or. |
|---|---|---|
| **Goethe-Faŭsto I** trad. Barthelmess broŝ. | 1,80 | 0,80 |
| **Eklumo en Abismo** trad. Else . . . broŝ. | 1,50 | 0,60 |
| . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . bind. | 2,80 | 1,10 |
| **Ni legu** kompilita de Brunulo . . . . . . | 1,60 | 0,65 |
| **Tri verkoj de Tolstoj** trad, J. M. . . . | 0,70 | 0,35 |
| **Dokumentoj de Komunismo** . . . . | 1,80 | 0,80 |
| **Komunista Manifesto** . . . . . . . . | 0,50 | 0,25 |
| **For la neŭtralismon** de Lanty (IIa eldono) . . . . . . . . . . . . . . . | 0,30 | 0,15 |
| **Sigelmarkoj po folio** (20 p.) . . . . . | | 0,40 |
| **Malnovaj n-roj de Sennacieca Revuo** (propagandcele) po ekz. . . . . . | 0,10 | 0,05 |

# LIVERKONDIĈOJ

La livero okazas **nur post antaŭa pago.** Oni pagu **nur per naciaj monbiletoj.** Poŝtmarkoj ne estas akceptataj.

# RIMARKIGOJ PRI PREZOJ

Modifoj de la prezoj estas rezervataj.

La **unua** prezkolono montras la prezojn por bonvalutaj landoj en svisaj frankoj. La **dua** por mez-kaj malbonvalutaj landoj en mk. germ. oraj: **I dol. = 4,20 Mk. g. oraj,** pagebla laŭ la taga kurzo en pap. mono.

Por sendkostoj oni aldonu **20**% por registrita sendaĵo **25**% de la pagota sumo.

S.A.T.-anoj sciigantaj la membro-n.ron rajtas depreni **nur I ekz.** de ĉiu speco kun 20% rab.